# INTERNACIA

JARO VI. SOFIA — BULGARIO
APRILO — JUNIO 1962, № 2—3



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## LA TRA-AFRIKA KARAVANO DE AMIKECO EN SOFIO

*Renkonto de la karavananoj kun la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“*

La gvidanto de la fama ekspedicio—la etnologia esploristo kaj populara esperantisto Tibor Sekelj-perletere sciigis al la redaktoro de nia „Internacia Ĵurnalisto“ Iv. Esperov, ke traveturante Bulgarion survoje al Afriko' la membroj de la ekspedicio restos certan tempon en la bulgara ĉefurbo. Eksciinte tion, la gvidantoj de la Bulgara Esperanto-movado kaj la ĵurnalista sekcio esperantista volis bonvenigi la ekspedicianojn, gvidi ilin al Radio-Sofia, al iuj redakcioj de elstaraj gazetoj ktp.

Bedaŭrinde, tiuj ĉi intencoj ne efektiviĝis, ĉar la Karavano alvenis Sofion subite, sen anticipa averto kaj restis en Sofio nur ĉirkaŭ unu horon. S-ano Sekelj aŭdiĝis al Esperov tuj post la alveno de la Karavano. Nia redaktoro renkontis ĝin preskaŭ ekveturinta, sur la strato. El la unua aŭtomobilo eliris li, la konata esploristo, ridetanta, kun la delikata barbo, la karavanestro Tibor Sekelj. Ni manprenis elkore la vojaĝantojn. La ĉefo de la karavano pardonpetas pro la subita alveno kaj tuja ekveturo de la Karavano. Tempo ne restas. Laŭ la vojaĝplano oni devas tranokti en Edrene (Adrianopolo), Turkio. La ekspedicianoj ne povas akcepti la afablan inviton de la sofiaj esperantistoj pri gastado.

Ni petas la karavanestron rakonti ion pri la karaktero kaj la celo de la ekspedicio por la legantoj de „Nuntempa Bulgario“ kaj „Internacia Ĵurnalisto“. La veterano de multaj esplorvojaĝoj tra Amazonio, Mata Groso, Mezameriko kaj diversaj regionoj de Azio volonte respondas al ĉiuj demandoj.

— La karavano havas internacian karakteron, ĉar en ĝi partoprenas sciencistoj el diversaj landoj. La ekspedicio estas ideo de ĝia ĉefo. Ĝia celo estas ne nur fari etnologiajn kaj geografiajn esplorojn: kontakti kun personoj el ĉiuj popoltavoj en la landoj de Afriko, kolekti kiel eble plej multe da informoj pri la homoj, pri ilia vivmaniero, pri la pensoj, kutimoj kaj bezonoj de la afrikaj popoloj, trastudi la malfacilan lukton de ilia transiro de triba vivo al moderna vivo kaj de kolonia reĝimo al sendependa nacia organizo.

— Kial via ekspedicio estas nomata „Karavano de amikeco tra Afriko“ ?—ni demandas.

— Krom niaj sciencesploroj, la ekspedicio havas la taskon transdoni al la afrikaj popoloj niajn sentojn de amikeco kaj solidareco al iliaj streboj vivi sendepende kaj kulture. En ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, kie la karavano pasos, per filmoj, prelegoj kaj amuzaj programoj ni konigos al la loĝantoj de Afriko la vivon de la aliaj popoloj. Tiel la ekspedicio intencas kontribui al la interpopola amikeco kaj konatiĝo, krei sentojn de internacia bonvolo kaj solidareco inter la popoloj, senkonsidere de iliaj raso, nacieco, religio kaj kulturo. Al ĉio ĉi mi devas aldoni ankaŭ tion, ke por kontribui al la interhoma kompreniĝo, al la proksimiĝo de la afrikaj popoloj al la aliaj popoloj de la mondo sur la bazo de lingvo neŭtrala, la ekspedicio klopodos informi la homojn en Afriko kaj precipe iliajn gvidantojn kaj

inteligentularon pri nia Internacia Lingvo Esperanto.

Poste la karavanestro informas nin pri la konsisto de la ekspedicio, (pri tio ni menciis en la antaŭa n-ro de „Int. Ĵurnalisto", pri la intenco de la ekspedicianoj prepari artikolojn, filmojn ktp por la tutmonda Esperanto-gazetaro, por ne esperantaj gazetoj kaj revuoj, por radio-stacioj ktp.

Dankante la gvidanton de la Karavano pro la klarigoj, ni adiaŭis lin kaj la ceterajn vojaĝantojn, bondeirante al ili agrablan vojaĝon kaj fruktodonan, plensukcesan efektivigon de iliaj noblaj taskoj.

(Pli detala informo pri la „Karavano de amikeco tra Afriko" aperas en „Nuntempa Bulgario").

I. Ĵ.

## *EL LA VIVO DE TEJA*

# ĈE MOSKVAJ ĴURNALISTOJ-ESPERANTISTOJ

La 15-an de aprilo en la Kulturdomo de medicinistoj okazis kunveno de moskvaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Raporton pri la laboro de TEĴA faris N. F. Danovskij.

En sia raporto la oratoro menciis pri la naskiĝo de TEĴA en 1926 jaro, pri la rolo de l'elstara sveda ĵurnalisto-esperantisto Ejnar Adamson, memorigis pri la fama letero de l'ministro de klerigo A. V. Lunaĉarskij al esperantistoj, kiam skribis: „La faktoj estas obstina aĵo. Oni ne povas ne agnoski la faktojn. Ili igas mem sin agnoski. Kaj faktoj parolas por Esperanto."

Montrinte la gravecon de l'literatura organizo, ĉar la lingvo evoluas sur la bazo de la literaturo, kaj la literaturo evoluas sur la bazo de la lingvo, kaj akcentante, ke TEĴA estas unua literatura organizaĵo esperantista, la oratoro klare montris la rolon kaj signifon de l'multaj nuntempaj daŭrigantoj de la afero, komencita de Ejnar Adamson—N. Kavenius, O. Thormodsen, Esperov k. a.

La oratoro skizis la nuntempan laboron, faratan de TEĴA, ampleksantan la kreon de multa literaturo esperantista ĉefe en kvar direktoj:

1) Maŝinskribitaj bultenoj kiel nacilingva poresperanta propaganda materialo. La formo de literaturo limanta al la epistola.; 2) Artikoloj kun esperanta materialo en ĝenerala nacilingva preso-siaspeca vasta agitado inter larĝaj tavoloj de popolamasoj; 3) Priservo de esperantaj presorganoj, dediĉitaj ne al Esperanto Nuntempa Bulgario, Bulgara Filmo, Geografia Revuo, Hungara Vivo, Vjetnamio Antaŭenmarŝas, Medicina Revuo, El Popola Ĉinio, Fervojisto ktp.); 4) Pure esperantaj eldonoj (Heroldo de Esperanto, Esperanto, Pola Esperantisto, Bulgara Esperantisto k. a. naciaj E.-organoj).

Ĉiuj ĉi eldonoj estas efektivigataj de esperantistoj-ĵurnalistoj. Kaj ilia propra organo estas „Internacia Ĵurnalisto". Fakte la lasta—la 4-a kategorio-estas la plej malforta. La ĉefa tasko de TEĴA estas-unuigi kaj direkti tiamaniere la ĵurnalistajn fortojn, por ke la efekto estu maksimuma. La tasko estas, kreante tutmonde akceptita atmosfero de amika kunlaboro inter esperantistoj-ĵurnalistoj, inter nacilingva plej larĝa kaj plej grava gazetaro. . .

La oratoro plue emfazis la neceson subteni per la gazetaro la internacian ekspedicion „Karavano de amikeco tra Afriko", gvidata de T. Sekelj, kaj respondi al la sugesto de la cirkulera letero de la ĝenerala sekretario de UEA d-ro Ivo Lapenna, ke ni devas kontraŭstari la intencon de la usona ĵurnalo „Life" propagandi la anglan lingvon kiel internacian. (Adreso de „Life" — Life International Time and Life Building, Rockfeller Center, New Jork 20, N. 4. Usono).

Fine, la oratoro proponis krei moskvan grupon de ĵurnalistoj, kiun bonvoli konsen-

tis gvidi la triopo: K. M. Gusev, A. S. Varŝavskij kaj N. F. Danovskij.

En Sovetunio nia komitatano N. F. Danovskij (Moskva G-34, str. Metrostroevskaja 3/14, kv. 1,) jam komencis organizi la reton de reprezentantoj de TEĴA en ĉiu soveta respubliko. Kiel reprezentantoj sin anoncis kelkaj ĵurnalistoj-esperantistoj. el Ukrainio, Blankrusio, Moldovio, el la Baltaj kaj Kaŭkazaj Respublikoj k. a.

(De nia propra korespondanto)

## La ĵurnalistoj-esperantistoj en Bulgario sin preparas por la 48-a Universala Esperanto-Kongreso

Kiel la Estraro de Universala Esperanto-Asocio jam anoncis, en Sofia, Bulgario, okazos la 48-a Universala Esperanto-Kongreso. Ĉiuj bulgaraj esperantistoj renkontis tiun ĉi sciigon kun granda ĝojo. Kaj ili jam komencis sin prepari por tiu granda internacia evento. Komencis sin prepari ankaŭ la esperantistoj-ĵurnalistoj. Ili havas grandan taskon — propagandi la Kongreson per la gazetaro, la radio, la televido kaj aliaj rimedoj, organizi preskonferencojn en la lando, partopreni aktive en la presservo de la Kongreso ktp.

La ĵurnalista sekcio ĉe Bulgara Esperanto-Asocio kaj ĉiuj bulgaraj Teĵanoj jam komencis labori tiurilate por plenumi inde sian devon. La gvidantoj de la Gazetara Servo ĉe Loka Kongresa Komitato estas la redaktoro de „Int. Ĵurnalisto“ Iv. Esperov kaj la vicredaktoro de nia organo D. Hitrov. Ĉe la Gazetara Servo estas organizita granda komisiono, kiu helpos la gvidantojn en la plenumo de iliaj taskoj. Estas ellaborita granda laborplano kun konkretaj taskoj por ĉiu ĵurnalisto. La komisiono jam ekfunkciis.

Necesa estas tamen ankaŭ la helpo kaj la kunlaboro de ĉiuj membroj de TEĴA en la mondo por la efektivigo de la laborplano. Por taskoj kaj gazetmaterialoj ĉiuj Teĵanoj sin turnu al la redaktoro de „Int. Ĵ-sto“ Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario,

## Mondvojaĝo per kaj por Esperanto

La 28-an de aprilo 1962 nia egipta kolego D-ro Tadros Megalli festis la 50-jaran jubileon de sia naskiĝtago. Li ellernis Esperanton en 1929 kaj de tiam eklaboris aktive por la propagando de la Internacia Lingvo en Egipto. Post studado li fariĝis „D-ro de Psikologio“. En 1949 li komencis mondvojaĝon kaj vizitis 14 eŭropajn landojn, kie li prelegis en Esperanto pri sia lando. Estante korespondanto de la egipta gazeto „Watani“ (en Kairo) li kunlaboras al tiu gazeto, kaj nun al diversaj germanaj gazetoj. Dum la lastaj 12 jaroj li faris pli ol 2500 prelegojn pri Egipto.

S-ano Megalli edziĝis al germana samideanino kaj nun loĝas en Münsing, Starnberger See, GFR. Per sia aktiva agado li kontribuas al la kampanjo „Oriento-Okcidento“. Tutkorajn salutojn al nia Teĵano!

## La Teĵanoj en Ĉeĥoslovakio revigliĝas

Dank' al la klopodoj de nia agema reprezantanto en Ĉeĥoslovakio s-ano A. V. Zednik, niaj Teĵanoj en la lando revigliĝas. Zednik preparis tiucele kaj sendis al multaj ĵurnalistoj-esperantistoj specialan cirkulerondemandaron. La ĝisnunaj rezultoj estas bonaj. Baldaŭ okazos tutlanda konferenco de membroj de TEĴA.

## Nia jubileano

En februaro j. k. nia fervora kolego Berthold Guttmann, Dudi 2 u Teplice, Ĉeĥoslovakio, jubileis siajn 40-jaran esperantiĝon kaj 60-jaran aĝon. Niajn gratulojn.

# Amase al la Fakkunveno de T. E. Ĵ. A en kopenhago

*Ankaŭ ĉi-jare, en la bela kaj interesa skandinavia lando Danlando okazos en la kadroj de la 47-a Universala Kongreso de Esperanto nia fakkunveno.*

*La fakkunvenoj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio estas ĉiam ĝoja renkonto de ĉiuj ĵurnalistoj-esperantistoj. Partoprenante aktive en la diversaj kongresaj kunvenoj, renkontiĝoj kaj amuzoj, la ĵurnalistoj dediĉas unu aŭ du tagojn ankaŭ por sia faka laboro. Ĉi-jare ili renkontiĝos por aŭdi kaj pridiskuti la raportojn de la Estraro de TEĴA kaj ĝian ĝisnunan agadon, raporti pri sia nobla per- kaj poresperanta laboro ĵurnalista.*

*En la nuna mondo okazas gravaj kaj interesaj internaciaj kaj enlandaj eventoj kaj ŝanĝoj. La ĵurnalistoj estas devigataj plej aktive partopreni en la batalo de la mondo por pli hela estonteco de la homaro. Per sia ĵurnalista kunlaborado ili kontribuas al UNO, al UNESKO, al Universala Esperanto-Movado por la internacia proksimiĝo de la popoloj en la mondo, senkonsidere de iliaj nacieco, raso, religio kaj kulturo, por la venko de la tutmonda paco.*

*Necese estas, ke ĉi-jare pli granda nombro da ĵurnalistoj-esperantistoj partoprenu la 47-an Universalan Esperanto-Kongreson kaj la fakkunvenon de TEĴA, ke ili pli aktive partoprenu en iliaj laboroj. Nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio plifortiĝis, plilarĝiĝas ĝia kampo de laboro. Ankaŭ dum tiu ĉi Universala Kongreso ni devas pridiskuti nian estontan laboron, ellabori detalan kaj konkretan planon de laboro.*

*Teĵanoj, preparu vin siatempe kaj vizitu Danlandon!*

***O. Thormodsen***

# Diversai informoj

## Unuaj paŝoj en Joŝkar-Ola

Ĝis komenco de 1961-a jaro preskaŭ neniu en la ĉefurbo de Mari ASSR sciis pri Esperanto kaj ĝia signifo. Sed pasintjare estis faritaj unuaj paŝoj por disvastigo de Esperanto en tiu urbo. Post kelkaj publikprelegoj komencis labori unuaj rondetoj por inĝenieroj, studentoj, junpionirgvidantinoj kaj mezlernejanoj. Kelkaj komencantoj jam ricevis unuajn leterojn de alilandaj samideanoj, precipe el Bulgario.

Respublika junulara ĵurnalo „Molodoj Kommunist" („Juna komunisto") publikigis artikolon pri Esperanto kaj pri komenco de esperantista laboro en Joŝkar-Ola. Redakcio de tiu ĵurnalo (ĝia adreso: USSR, Joŝkar-Ola, Mari, ASSR, Karla Marksa, 43) tre volus kontaktiĝi kun alilandaj junularaj ĵurnaloj kaj revuoj.

**Aleksej Ĥovanskij**
Kommunističeskaja 84-23,
Joŝkar-Ola 2, Mari ASSR
Sovetunio.

*

## Parolas Radio Varsovio

Jam pasis 3 jaroj depost la unua dissendo de Pola Radio en la internacia lingvo. La celo de la elsendoj en Esperanto estas informi pri Pollando kaj pri la Esperanto-movado en la naskiĝlando de Zamenhof kaj en la tuta mondo.

En la programoj estas realigataj ĉiaj formoj de radia laboro — de informoj tra felietonoj kaj komentarioj ĝis intervjuoj, sonraportoj kaj radiaj spektakloj.

La reeĥo estas sufiĉe granda. La redakcio havas kontakton kun pli ol 1200 konstantaj korespondantoj. Sed la esperantlingvaj elsendoj de Pola Radio povus esti multe pli interesaj kaj utilaj por la movado, se la esperantaj organizaĵoj, revuoj, gazetoj, kluboj kaj unuopaj aktivuloj pli intime rilatus kaj provizadus nin per freŝaj informoj kaj aliaj kontribuaĵoj.

*

## ATENTU!

**La redakcio de „Internacia ĵurnalisto" atendas kunlaboraĵojn de siaj legantoj. Ne atendu inviton. Tuj sendu artikolojn, reportaĵojn, informojn ktp!**

# MALOFTA OKAZO EN LA MEDICINA PRAKTIKO

(Bulgara laboristino naskis kvar sanajn ĝemeloja)

En la apuddanuba urbo Ruse la 22-jara serurístino en la Uzino de Agrikulturaj Maŝinoj „Georgi Dimitrov" Ivanka Georgiega Goĉeva fariĝis patrino de kvar ĝemeloj — du knabinoj kaj du knaboj. Tiu ĉi kazo, malofta en la medicina praktiko, ekinteresis nin, kaj ni vizitis la akuŝ-ginekologian fakon ĉe la Urba Hospitalo en Ruse por vidi la feliĉan patrinon kaj ŝiajn karajn infanojn. La juna patrino kuŝas sur la blanka kuseno iomete klininte la kapon. Sur ŝia bela, sed ankoraŭ pala vizaĝo jam aperas roza koloro. La peza travivaĵo pasis kaj la patrina rideto karese renkontas la kvar infanojn, kiujn en la momento alportas la akuŝistinoj. Ŝi milde akceptas siajn infanojn Zdravko, Rumjana, Cvetanĉo kaj Pavlinka, ne povante kaŝi sian ĝojon. Ŝiaj okuloj estas dankoplenaj pro la eksterordinaraj zorgoj de la kuracistoj kaj akuŝistinoj. Esprimo de dankemo estas la decido de la gepatroj doni al du el siaj infanoj la nomon de D-ro Cvetan Velikov, kiu operaciis Goĉeva, kaj de D-ro Pavlina Mileva, asistantino ĉe la operacio.

Ni petis D-ron Cvetan Velikov, ĉefo de la fako, rakonti al ni pri tiu ĉi neordinara kazo.

— Por la unua fojo — li diris — la personaro de nia fako estis submetita al tia peza ekzameno. Kaj nun, kiam oni jam povas esti certa, ke la akuŝoperacio pasis sukcese, ni sentas nin morale kontentaj. Al ni Ivanka Goĉeva estis sendita de la virina konsultejo, kaj la rentgenaparato montris, ke la estonta patrino havas kvar embriojn. Estis necese ke ŝi restu ĉe ni. De post tiu momento niaj atento kaj zorgoj estis direktitaj al unu nura celo: krei ĉiujn necesajn kondiĉojn, por ke la periodo de gravedeco pasu normale, ĉar el la medicina praktiko ni scias, ke la kazoj de multembria gravedeco malofte atingas normalan finon, nome akuŝon. En daŭro de 70 tagoj pri la sano de la akuŝontino kaj pri la normala evoluo de la gravedeco zorgis tage kaj nokte tiel la kuracistoj, kie ankaŭ la akuŝistinoj kaj sanitaristinoj. La tuta personaro, ne nur de la ginekologia fako, sed de la tuta hospitalo, senpacience atendis la tagon de la akuŝo. Ni estis tute pretaj renkonti tiun ĉi tagon.

. . , Dimanĉo, tago de aruŝo. Malgraŭ la festotago, ĉiuj kuracistoj kaj la alia medicina personaro de la fako estas ĉe Ivanka Goĉeva. Nur unu fakto maltrankviligas ilin — ekzistis danĝero, ke la patrino ne povos naski laŭ natura vojo. Tiu ĉi supozo konfirmiĝis — estis necese fari komplikan operacion. La sorto de la virino, kiu devis doni al la patrio kvar civitanojn, estis en certaj manoj. Malgraŭ ke la gravedeco estis peza kaj la placento — malalte fiksita, la akuŝo okazis per la tiel nomata Cezara operacio. Post pezaj kaj penigaj minutoj, ĝoja trankviliĝo ekregis ĉiujn. Komenciĝis ia unua tago de la vivo de kvar ĝemeloj.

Tamen la tagnoktaj zorgoj de la personaro pri la patrino kaj la infanoj ne ĉesas. La eksterordinara atentemo pri la vivo kaj sano de la homoj ne estas nur plenumo de ilia ofica devo, sed antaŭ ĉio manifestiĝo de alta civitana konscio.

En la fako ni trovis ankaŭ la direktoron de la Instituto de Akuŝ-Ginekologio en Sofio, docento D-ro B. Papazov, la superan sciencan kunlaboranton ĉe la Instituto D-ro I. Ivanova kaj la malsuperan sciencan kunlaboranton ĉe la Instituto pri Pediatrio D-ro Kisĉikova, kiuj senprokraste alvenis de Sofio por helpi siajn kolegojn en Ruse. — La kazo estas treege malofta, deklaris docento Papazov, — Eble el 500 mil akuŝoj, nur ĉe unu la kvar embrioj atingas la finon, de la gravedeco kapablaj komenci memstaran vivon. La kolektivo de la urba hospitalo, fronte de la ĉefkuracisto D-ro Ljuben Kovaĉev, agis tute senerare. La favora akuŝo estas rezulto de la efikaj kaj ĝustatempaj zorgoj, kiuj ne ĉesas ankaŭ nun, post la senerara kaj sukcesa operacio.

Tiuj ĉi zorgoj jam transpasis la murojn de la hospitalo. La tuta socio de urbo Ruse esprimas viglan intereson pri la sano de la patrino kaj la ĝemeloj, kiuj fartas bone. La Urba Popola Konsilantaro disponigis al la feliĉa familio duĉambran apartamenton, kiu estos meblita per rimedoj de la kolektivo de Uzino „Georgi Dimitrov". Oni donis al la gepatroj ankaŭ monhelpon.

Antaŭ ol forlasi la hospitalon ni vidis la junan patron — la 24-jaran simpatian blondharan seruriston el la sama uzino Dragan Draganov. Ridetante, li rapidis kun florbukedo en la manoj por fari la kutiman viziton kaj por informiĝi pri la stato de sia edzino kaj de siaj infanoj Zdravko. Rumjanka, Cvetan kaj Pavlinka

Tradukis: Lidia Kuŝovalieva

---

*Membroj De T. E. J. A! Se vi ankoraŭ ne pagis vian membrokotizon al nia Asocio, bonvolu tuj fari tion. Pagu la kotizon laŭ via ebleco al la sekretario-kasisto D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova) Jtalio, aŭ al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev — Esperov, Bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, aŭ al via Landa komitatano kaj reprezentanto!*

# Ricevitaj esperantaĵoj

Revelacio de Domenico Pastorello. El itala esperantigis F. Franceschi. 16-paĝa libreto eldonita en mil ekzempleroj, nevendebla. Adreso — la aŭtoro, For sur mer, (B. du Rh.), Francio.

Danlando — 28-paĝa ilustrita prospekto pri Danlando en angla lingvo kun aldono faldfolio kun la traduko en Esperanto. Eldono de Dana Agrikultura Vendokomitato.

Awoke! Spain suppresses religious freedon. N-ro 8, aprilo 1962.

La kultura vivo de la ĉinaj laboristoj kaj oficistoj-riĉe ilustrita 72-paĝa libroalbumo kun fotoj kaj teksto pri la nova vivo de la ĉina popolo. Eldonis Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio.

Knabino kaj Garolo—40-paĝa ilustrita libro-fabelo en versoj de Liu Ĝaŭlin, bildoj de Ĉeng Ŝifa, traduko de Laŭlum. Eldono de Ĉina Esp.-Ligo.

Maŭ Zedong-Paroladoj ĉe la literatura kaj arta kunsido en Jan-an, 48-paĝa libreto, eldonita de Ĉina Esp.-Ligo.

Laŭdezira kalkulo de Kennedy — du gazetartikoloj tradukitaj en Esperanton el gazeto „Ĵenmin Ĵibaŭ", 28-paĝoj, Eldonis Ĉina Esp.-Ligo.

Maŝinfabriko en Prerov — ilustrita prospektoreklamo pri la granda ĉeha uzino, fabrikanta cementfarejojn, gipsfarejojn, kalkfarejoj ktp. Mendebla ĉe: Prerovske strojirny, Esperanto ZK, Prerov, Ĉeĥoslovakio.

Ĉeĥoslovakio en nombroj-faldfolio kun statistikaj faktoj pri ĈSSR. Eldono de ORBIS, Praha.

Mau Zedong-Komentarioj pri la blanka libro—48-paĝa libro bindita, eldonita de Ĉina Esp.-Ligo.

Pitoreskaĵoj de Pekino — bindita, 12 ilustritaj poŝtkartoj pri Pekino, eldono de Ĉina Esp.-Ligo.

Pejzaĝoj de Ĉinio — belega 56-paĝa grandformata albumo kun 48 pejzaĝoj de Ĉinio. Elektis Redakcio de Ĉina Fotografio, eldono de Ĉina Esp.-Ligo, 1962.

Wuppertal — belasaspekta ilustrita faldfolioprospekto pri la interesa urbo. Havebla ĉe Presse und Werbeamt Wuppertal, Germanio.

## Novaj membraj de TEĴA

A. V. Veznikovskij, selo Novo-Roĵdestvenka, Bolŝereĉenskij rajon, Omskaja obl., USSR.
Andrej Borisoviĉ Rogov, S. Ivanovcy. Ruĵiĉny Ĥmelnickoj obl., USSR.
Rolf Müller-Romü-, Teutonenring 15, Rangsdorf, Germanio (DDR).
Jozef Novotny, Sudomeriĉka 2. Praha 3, Ĉeĥoslovakio.
Pavel Todorov Janev, ul. Georgi Dimitrov 50, Jambol, Bulgario.
Aleksandr Logvin, M. Filovskaja 2/13, kv. 76, Moskva G 433, USSR.
Atanas Lakov, blv. Tolbuhin 55, Sofia, Bulgario.

## Sanĝoj de adresoj

Nadeĵda Prokopievna Korŝikova, Glavpoĉttamt, Do vostrebovanija, Novokuzneck, Kemerovskoj obl., USSR.
O. Kniksepp, Narva mnt 71-23, Kohla-Jarve 3. Estona SSR, USSR.

## Redakcia poŝto

S-ano Irene Fink, P. O. Box 32, Mt. Waveslwy (Victoria), Aŭstralio. Ni konfirmas la ricevon de via membrokotizo. Nuntempe „Int. Ĵurnalisto" ne povas publikigi grandajn artikolojn pro sia malgranda amplekso. Sed via propono tiurilate estas akceptinda. Bonvolu sendi viajn artikolojn al nia adreso kaj ni utiligos ilin aŭ en „Int. Ĵ-sto", aŭ en aliaj esperantaj kaj neesperantaj gazetoj laŭ la karaktero de viaj materialoj. Vi ricevos per aparta letero ree vian membrokarton subskribitan.

A. V. Zednik, Modrany 1482, Ĉeĥoslovakio Via agado kiel reprezentanto de TEĴA en via lando estas salutinda. Vi rajtas kunvoki la membrojn de TEĴA en via lando kaj pridiskuti kun ili diversajn organizajn aferojn kaj propagandajn agojn. La kolektitan membrokotizon konservu ĉe vi, ĝis kiam vi ricevos alian ordonon. En USSR oni jam starigas la reton de reprezentantoj de TEĴA por ĉiu aparta respubliko, pri kio prizorgas nia komitatano N. F. Danovskij. Burda kaj Mojzisek—forstrekitaj. La daton de via konferenco fiksos nia redaktoro, kiu eble partoprenos ĝin.

Prof. R. B. Joshi, Alsi Plots, Akola, (Vidarbha), India. Pro manko de loko via artikolo pri R. Tagore ne aperis. Ĝi estas sufiĉe granda.

Jordan Kalinov, Ruse, Bulgario. Nun ne estas eble eldoni bulgarlingvan gazeton pri Esperanto.

Jozef Snejder, ul. Svetlanovskaja 39, Ĥarkov 11, USSR. Ni membrigas vin kiel membron de TEĴA kaj sendos al vi la organon. Via traduklaboro estas salutinda. El la aperigataj adresoj de ĵurnalistoj en „Int. Ĵ-sto" bonvolu elekti por interkoresponda do. Pagu la membrokotizon al N. F. Danovskij.

*

## Anonco

*En la redakcio estas ricevataj multaj leteroj, per kiuj la legantoj de „Internacia ĵurnalisto", membroj de TEĴA kaj neorganizitaj ĵurnalistoj-esperantistoj starigas diversajn demandoin, interesiĝas pri la diversflanka agado de nia Asocio, La redakcio klopodas respondi al ĉiuj leteroj. Sed tio forrabas grandan tempon de la redaktoro. Pro tio la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" petas siajn legantojn turni sin ankaŭ al la komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA en siaj landoj, kiuj ankaŭ povus doni respondojn pri diversaj organizaj kaj aliaj demandoj. Ili povas sin turni ankaŭ al la Prezidanto kaj la sekretario de TEĴA, kies adresojn oni ĉiam povas trovi sur la lasta paĝo de la organo.*

## PLENA ADRESARO DE LA MEMBRARO DE T.E.Ĵ.A.

Celante konigi la adresojn de ĉiuj membroj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" en kelkaj sinsekvaj numeroj de la gazeto aperigos ĉiujn adresojn de la aliĝintaj al TEĴA ĵurnalistoj-esperantistoj. Per tio la redakcio helpos al la membroj interkontaktiĝi kaj organizi pli bone sian kunlaboradon. Krom tio, la komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA havos eblecon kontaktiĝi kun la membroj en sia lando, organizi ilin kaj ilian kunlaboradon kun eksterlandaj kolegoj, kolekti iliam membrokotizon.

Samtempe, ĉar en la membrolisto verŝajne estas skribitaj adresoj de homoj ne dezirantaj esti membroj de TEĴA, aŭ de mortintoj, kaj ĉar en la adresoj estas ŝanĝoj, la komitatanoj kaj la reprezentantoj de nia Asocio estas devigataj kontroli ĉiujn adresojn kaj informi la sekretarion kaj la redakcion pri la ŝanĝoj.

La adresoj pro tio estos publikigitaj laŭ landoj. Ni petas ankaŭ la membrojn mem informi la redakcion pri la ĝusteco de iliaj adresoj.

  

### ANGILO

1. Derrick P. Faux, Societu of Bruthers, Bromdon, Bridghorth.
2. John J. Brady, 12, Glen Nevis Place, Cathkin, Rutherglen, Glasgow.
3. G. Filding, 61, Springfield Rd. Bristol 6.
4. A. W. Thomson, 315, Bellegrove Road, Welling, Kent.
5. D-ro A. Mildwurf, 71, Compagne Gardens, London NW 6.
6. Sunter, „Colne and Nelson Times", Zelson (Lanos).

### AŬSTRIO

1. D-ro E. J. Görlihh, Wien III, Messenhausergasse 4/2.
2. Franz Hoiertm, Tenzingerstasse 121, Wien 89 XIV.
3. Alois Hilkersberger, Lötzweg 15, Landcok, Tirol.

### BULGARIO

1. Asen Grigorov, blv. Tolbuhin 10, Sofio.
2. Atanas Lakov, blv. Tolbuhin 55, Sofio.
3. Atanas Stamatov, ul. Dimo Ĥaĝidimov 21, Sofio.
4. Violin Oljanov, ul. Ivan Vazov 17, Sofio.
5. Kiril Draĵev, ul. Ĵdanov 86, Sofio.
6. Ivan Keremidĉiev — Esperov, blv. Ĥristo Botev 98, Sofio 2.
7. Krstju Karucin, blv. Ĥristo Botev 100, Sofio 2.
8. Ivan Kovaĉev, ul. Car Asen 35, Sofio.
9. Anton Velikov, ul. Kiril Janev 61, Sofio.
10. Kirila Georgieva, blv. Patriarh Eftimij 36, Sofio.
11. Angel Georgiev, blv. Patriarh Eftimij 36, Sofio.
12. Simeon Ĥesapĉiev, Izdatelstvo „Narodna Prosveta", Sofio.
13. Kunĉo Vâlev, redaktoro, Izdatelstvo „Oteĉestven Front", Sofio.
14. Tonĉo Conevski, ul. Ĝovani Gorini 20, Sofio.
15. Ivanka Vasileva, bulv. Al. Stambolijski 156, vh. I, Sofio.
16. Ilija G. Panajotov, ul. Marin Drinov 44, Varna.
17. Simeon Petrov, ĵurnalisto, Krĝali.
18. Katja Maneva, ul. Stilian Peŝev 12, Sevlievo.
19. Atanas Bojaĝiev, ĵurnalisto, Kolarovgrad.
20. Konstantin V. Genĉev, ul. Nik. Vapcarov 12, Pazirĝik.
21. Atanas Ŝopov, redaktoro vestnik „Oteĉestven Glas", Plovdiv.
22. Ilija Ilijĉev, Gradski Komitet BKP, Sevlievo.
23. Haim Levi, Kompleks Lenin, blok 11, vh. 3, Sofio.
24. Todor Oŝanskl, ul. Suĥodolska 2, vhod 55-A, Sofio.
25. Nanju Kjuĉukov, CK na BKP, Sofio.
26. Krstju Sofroniev, vestnik „Oteĉestven Glas", Plovdiv.
27. Ĥristo G. Hârvatov, ul. Veliĉko Kostov 38, Varna.
28. Dono Ĥristov. grad Lukovit.
29. Ŝterju Z. Kukuŝev, MTS, Peŝtera.
30. Todor Danailov, vestnik „Strŝel", blv. Lenin 47 Sofio.
31. Boris Iv. Minkov, ul. Dim. Poljanov 20, Sotio.
32. Angel Tanev, Levskigrad.
33. Petar Vlasev, Levskigrad.
34. Boris Botev, vesntik „Pirinsko delo", Blagoevgrad.
35. Metodi Panĉev, ul. Persenk 30, Sofio.
36. Hristo Ĉavdarov, blv Al. Stambolijski 142, Sofio.
37. Mois Dekalo, ul. Avicena 44, Sofio.
38. Ĵeĉo Ĉolakov, ul. Panajot Volov 9, Kolarovgrad.
39. Vladimir Rusev, ul. Stara planina 11, Kolarovgrad.
40. Nikola Nikolov, Esperanto, ul. Ŝipcenski prohod 12, Sofia 13.
41. Nikola Aleksiev, ul. Vasil Kolarov 45, Sofio.
42. Todorka Dunĉeva, ul. Dragalevska 6, Sofio 7.
43. Ivan Batakliev, ul. Peruŝtica 7, Plovdiv.
44. Stojĉo Savov, ul. Zlati Geotgiev 12, Varna.
45. Jordan Balabanov, ul. Nedelĉo Nikolov 109 b, Stara Zagora.
46. Dimo Trudoljubov, ul. Marin Drinov 7-A, Jambol.
47. Atanas St. Sejkov, ul. Stadiona, blok F-1, vh. A, Plovdiv.

48. Nikola Stranĝanski, Redakcio „Rodopski Minjor", Madan.
49. Ivan Ŝivarov, ul. Mali Bogdan 8, Plovdiv.
50. Krsto Ĵivkov, redaktoro „Narodna Tribuna", Lom.
51. Tatjana Evstratieva, v. „Rabotniĉesko đelo", blv. Lenin 47, Sofio.
52. Stefka Hristova, „Nuntempa Bulgaria" Levski 1, Sofio.
53. Lidia Kuŝovalieva, „Nemtempa Bulgario" ul. Levski 1, Sofio.
54. Ĥristo Gorov, Bulgara kinematografio Sofio.
55. Ivan Ŝarafov, Esperanto, p. k. 66, Sofio.
56. Donĉo Ĥitrov, ul. Asparuh 61, Sofio.
57. Simeon Simeonov, ul. Car Asen 107, Sofio 6.
58. Ivan St. Kolarov, Radio Sofia, Sofio.
59. D-ro Stefan Kadiev, blv. Patr. Eftimij 16, Sofio
60. Vasile Ĥristu, ul. Nik. Kofarĝiev 9, Sofio.
61. Stoil Maŝev, Zemizdat, blv. Lenin 47, Sofio.
62. Ljuben Mladenov, Zemizdat, blv. Lenin 47, Sofio.
63. Stefan Venkov, ul. Uzundĵovska 4, Sofio.
64. Canko Murgin, ul. Iskar 46, Sofio.
65. Petar Lalovski, ul. Ekzarh Josif 8, Sofio.
66. Pelin Velkov, direktoro Izdatelstvo „Kultura", Sofio.
67. Georgi Jordanov Vâlev, str. „9 Septemvri" 12, Jambol.

**(Daŭrigota)**

## *ESTRARO DE T. E. Ĵ. A.*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Sekretario-kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadalla (Padova), Italio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Membroj: Takaĉ Zeljko, Boŝkoviĉeva 24, Zagreb, Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Materjki 16/8, Wroclaw, Pollando.*

**Tejanoj, pro2itu la presitajn en tiu ĉi n-ro de nia organo adresojn de viaj alilandaj kolegoj, kaj kontaktiĝukunxili kaj kunlaboru kun ili!**

## *KOMITATANOJ DE T. E. J. A.*

*Ĉinio — Shi Si-wei, jurnalista fako, Pekina Universitato, Peking.*

*Danlando — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg.*

*Rumanio — Ŝtefan Freamat, strato Gabriel Peri 4, Bucuresti.*

*Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14, kv. 1 Moskva G-34 (nova adreso).*

*Vjetnamio — Dào-anh kha, Nô Ɖu-ôcte-nou Bv Viet-nam, Hanoj (via USSR).*

*Israelo — Oskar Berman, 6, Kikor Malchaj Israel, Tel Aviv (nova adreso).*

*Svedio — Karen Salmose, Sundberg, Girimstagatan 59, 1 tr. Vällingby, Stokholm*

*Hindio — Suderio Butteno, Alaski Plots, Avola (Vidarbha).*

*Indonezio — Ch. Sj Datoe Toemenggoeng, Pintu Besi 39, Dĵakarta.*

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel 3-34-04, Bulgario*